I Jaro. X Num. 1917 Oktobro.—Madrido.




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO MANUEL ESTEBAN SAENZ

Ŝtata Statistikestro. Antikva, entuziasma kaj antikva pioniro de Esperanto en Hispanujo. Prezidinto de H. S. p. E. P.

# Kiel Memorigi la Gloron de la Majstro

La morton de nia Majstro ni neniam povas tro multe bedaŭri. Tio ja estas granda, neriparebla perdo de la homaro. Se li povus postvivi la militegon por ĝui la mondpacon promesantan, por vidi gloran plensukceson de Esperanto, por viziti Japanujon, kie ni tiom avide volis lin persone akcepti! Ni tamen jam ĉesu vane plori. Ni memoru, ankaŭ mortis Sakja Muni, Kristo, Mahometo. Kio pasis, ne revenos.

Lia korpo mortis, sed lia animo restos viva inter ni ja eterne, —tio estis frazo ripetita kun akcento ĉe nia kunsido. Kio estas la plej bona maniero por lin senmortan memorigi al la mondo?—tio estas penso nun okupanta la fervorajn samideanojn. Konstruo de monumento, starigo de memorigaj kapitalo, biblioteko, k. t. p. Ĉiuj ĉi tiuj ja estas bonegaj entreprenoj, sed laŭ mia opinio la plej taŭga, la plej konvena estas la jena klopodo: Konstruu monumenton ne sur la tero, sed en la koro de homoj.

Mi kredas, ke ĉiu vera esperantisto sentas en sia koro *ion, kio* naskiĝis en la momento, kiam li eklernis la lingvon, —ion sanktan, noblan, kio donadas al li kuraĝon kaj fajran entuziasmon en la konstanta batalado por la lingvo. Tio estas *monumento* de la esperantismo *en la koro* de ĉiu vera esperantisto.

Propagandu la karan lingvon, propagandu la internan ideon de Esperanto, konstante kaj kun energio! Uzu ĉiun okazon por tion fari! Vi tiamaniere konstruados bonegajn monumentojn unu post alia en ĉies koro. Vi ĉiam memoru kaj estu dankema pro tio, ke la monumento en via koro estas fonto de via feliĉoj kaj kuraĝo, kaj sciu, ke via konstruo de la sama monumento en aliaj koroj alportos ankaŭ al ili fonton de la feliĉo. Eble tio estus pli multe peniga, postulanta pli multe da laboro, ol la konstruo de tera monumento. Tamen ĉiu vera esperantisto sentu en tio sian devon ŝulditan, kaj neniam laciĝu en la konstruado de la koraj monumentoj!

El *Japana-Esperantisto*

# FORGESU ĈION!

Mi pripensas pri vi, Mond' terura!  
forlasita de l'zorgo de Dio,  
pri la nuna tutmonda sangado;  
Malaminda vi, nun, Historio!

Mi pripensas pri mia Patrujo;  
ankaŭ ĝi sangellasas kaj ploras,  
ankaŭ ĝian kuraĝan kor' puran  
oni nun kaj fortege doloras.

Ĉar ĉi tie malam' ankaŭ regas,  
baldaŭ estos batal' inter fratoj,  
jam ne estas brakpremoj kaj kisoj,  
jam nur estas insultoj kaj batoj.

Nur vi bela virino kaj dolĉa  
apud mi kaj en paco kaj solo,  
nur vi, anĝel' pasia kaj ama  
estas mia feliĉ' kaj konsolo.

Sed mi vidas al vi nur rapide  
ĉar forflugas la temp' mallongeta  
kaj ni kaŝe sopiras kaj amas;  
nia am' estas amo sekreta!

Pli ol tuta Homar' vi valoras  
kaj mi gajas kiam diras vi:  
«Jam forgesu la Mondon kaj ĉion,  
kaj nur pensu, nur pensu pri mi».

*Rafael de San Millán*

# POR BELEGA LIBRO

KVAZAŬ ANTAŬPAROLO

Tiu, kiu tralegiute volumon, elĉerpis el ĝi profitdonan maksimon, kvankam ĉi tio estu la sola elĉerpitaĵo, povas esti kontenta; li estis bonsortulo kvazaŭ subakvaesploristo, kiu, ĉe la profundaĵo de la maro, elprenis el sablo, musko kaj algoj, belegan perlkonkon.—Ludoviko Roca.

Aro da bonaj proverboj estas trezoro pli estiminda, ol la riĉaĵoj.—Isócrates.

Ĉiam kaj ĉie, la plej bona libro estos tiu, kiu plej instruos per malpli da paĝoj.—Olavarría.

—

Legu multe, meditu multe pli, kaj ne dubu, vi estos sciulo.—Faxire.

*Séneca:*

—La plej senprofitdona tago de sciulo valoras pli, ol tuta vivo de ignoranto, kvankam ĝi estu longedaŭra.

—Kiam la forto de la vino skuas la animon, la malvirtoj, kiuj nestas ĉe ĝi, elmontriĝas: la ebrieco ne naskas la malvirtojn; ĝi sole elmontras ilin.

—Kie ajn staru homo, oni povas fari bonaĵon.

—La plej bona ornamaĵo por la virinoj estas la ĉasteco; ĝi estas la sola beleco kiu persistas eĉ je la kalumnioj de l'tempo.

—La plej gravaj kaj povegaj fortoj staras sur la amo de la popolo.

—Homo ĉiam devas agi kiel antaŭ atestantoj pri sia konduto, kaj pensi kiel se oni povus legi sur lia animo, kaj ĉi tio estas neebla.

—Manĝu por vivi; ne vivu por manĝi.

—Troa baldaŭeco fariĝas embaraso.

—La riĉaĵoj ne riĉigas.

—Preferu esti malriĉa, ol nescia; ĉar malriĉulo bezonas monon, kaj nesciulo, prudenton.

—Ebrieco estas memvola frenezeco.

—Ofte doloro estas havaĵo de la genio.

—Malbonsorto sciuligas homon.

—Oni povas diri tion pri kio oni silentas; sed oni ne povas jam silenti pri diro farita, ĉar ĉi tiu diro apartenas tial al ĉiuj.

—Kvankam venĝo ŝajnu justeco, tiu estas mala homsento.

—Kiu ajn mensogo, kiu ajn suspekto, estas la plej efika fundamento de la kalumnio.

—Venki sen risko estas triumfi sen gloro.

*Salomon:*

—Vundoj faritaj de amanto estas preferindaj, ol kisoj de tiu, kiu malamas vin.

—Ne enamikiĝu kun ekkoleremulo, kaj neniam unuiĝu kun malvirtuloj.

—Korkontenteco konservas florantan aĝon: la malgajeco kontraŭe eĉ sekigas la ostojn.

—Kiu de la juneco ekiras tra bona vojo, neniam deflankiĝos.

—Pli valoras peco da pano kun ĝojo, ol domo plena je donacaĵoj kiam paco ne regas la domon.

—Preferu bonan krediton anstataŭ abundaj riĉaĵoj.

—Celu aranĝi viajn aferojn kun amiko, kaj neniam donu viajn sekretojn al neintimulo.

—Tiu, kiu kunvivas kun sciuloj, sciulo estos; la amiko de nesciuloj estos same kiel ili.

—En la kulpo estas la puno.

—La malbono persekutas tiun, kiu ĝin faras.

—Nekonato laŭdu vin, kaj ne via buŝo mem; nekonato kaj ne viaj lipoj.

—Mallaboremulo estas frato de almozulo, kaj tiu, kiu estas indiferenta je siaj interesoj, estas frato de malŝparemulo.

—Kiam amiko petu je vi favoron kaj facile por vi estu komplezi lin, ne diru al li: «venu morgaŭ», sed komplezu lin tuj.

—Ĝentila kaj humila respondo venkas koleron; fieraj kaj malĝentilaj paroloj ekscitas koleri.

—Tiu, kiu kulturigas sian terbienaĵon, havos panon supermezure; sed tiu, kiu amas mallaboremecon, suferos mizeron.

—Ignoranto, se li silentus, estus konsider-

ota eble kiel sciulo; kaj kiel lertulo, se li ne movus siajn lipojn.

—Ne preteriru la limojn fiksitaj de viaj patroj.

—Al tiu, kiu mokas sian patron kaj malestimas sian patrinon, korvoj de rivero eltiru liajn okulojn, kaj aglidoj manĝu lian korpon.

—Akvoj ŝtelitaj aŭ ĝuoj malpermesitaj estas pli dolĉaj, kaj pano forprenita aŭ kaŝita estas pli bongusta.

—Tiu, kiu sin fundamentigas sur mensogoj, sin nutros el ventoj.

*(Daŭrigota)*

---

# Esperanta propagando

Dank' al vigla propagando, kies taskon prenis sur sin diversaj el niaj entuziasmaj pioniroj, nia movado progresis, nia idealo diskoniĝis kaj multaj personoj aliĝis al niaj Asocioj kaj Grupoj plimultigante tiel la nombron da adeptoj al nia internacia helpa lingvo elpensita de tiu bonanima saĝulo estimata kaj plorata de ĉiuj geesperantistoj, nia kara kaj neforgesebla Majstro D-ro L. L. Zamenhof, kiun Dio havu en sankta gloro. Taŭga kaj deca propagando estas necesa por sukcese disvastigi nian movadon kaj samtempe por bone diskonigi Esperanton; tian propagandon oni povas efektivigi ĉu verkante artikolojn, kiujn publikigos ĉiaj ĵurnaloj, gazetoj kaj revuoj; ĉu paroladante ĉe societoj aŭ ĉe aliaj lokoj, kie tio estas ebla por konvinki la aŭdantaron pri la boneco kaj utileco de nia internacia idiomo, pruvante al ĝi la celon de nia movado kaj la pacigeman fratecon de nia idealo; ĉu klarigante klasojn de Esperanto ĉe niaj esperantistaj organizaĵoj, precipe ĉe la lokaj Grupoj aŭ ĉe aliaj societoj tie, kie ankoraŭ ili ne estas fonditaj. Tiuj ĉi kaj aliaj propagandrimedoj devas esti efektivigataj de la gesamideanoj dezirantaj la progreson de de nia movado; sed unu el la plej bonaj kaj efikaj rimedoj por propagandi Esperanton, rimedo, kiun mi provis kaj atingis bonan rezultaton, estas uzi por la montrita celo propagandfoliojn, kiuj devas esti grandnombre disdonataj. Kiam mi estis prezidanto de «Esperantista Klubo Palma» mi dissendis per ĵurnalo «La Almudaina» grandan nombron da la nomitaj folioj ne nur en Palma sed tra la tuta insulo Mallorca; Krom tio mi senpere sendis la aluditajn propagandilojn al ĉiuj oficialaj Lernejoj, al la lokaj societoj kaj al ĉiuj geinstruistoj el mia insulo. Per tia propagando mi atingis varbi por mia kara Klubo, kiun mi diversmaniere helpis por progresigi ĝin, multajn novajn anojn kaj tiel mi eltiris ĝin el la morto, do ĝi pene travivis. Ne estas tio ĉi la unika pruvo pri la efikeco de tiu propagandrimedo. Por diskonigi la asocion «Universala Esperanto Asocio», mi, kiel Delegito de ĝi en mia urbo varbis ankaŭ por ĝi novajn membrojn per propagandfolioj, kiujn mi disdonis tiel same kiel mi jam diris antaŭe. Dufoje mi uzis por mia propagando la aluditajn propagandilojn kaj ĉiam, precipe la unuan fojon, mi sukcesis. Tiu ĉi fakto pruvas ke la rimedo de mi uzita por propagandi Esperanton kaj disvastigi nian movadon estas taŭga, estas efika; tial mi publike konigas ĝin al ĉiuj miaj gesamideanoj por ke ili povu provi ĝin en siaj urboj. Mi aljuĝas grandan gravecon al la propagando, kiun ni nepre devas igi por atingi nian celon. Se oni ne propagandas, oni ne varbas adeptojn kaj se ne aliĝas novaj anoj al niaj Asocioj, ili ne povas vivi kaj nia movado kune kun nia idealo pereas. Estas konsilinde kaj konvene por ke vivu Esperanto, ke ĉiuj ni propagandu tiel vigle kiel ni povas, ke ĉiu faru ĉion, kion ĉiu povas fari kvankam tio estas malmulta kaj tiel dank' al la klopodo de ĉiuj ni sukcesigos nian laŭdindan entreprenon.

Alia afero tre grava, kiun ni devas pripensi kaj atenti estas la elekto de la personoj okupantaj postenojn de la direktantaj komitatoj de niaj Asocioj kaj Grupoj, do ĉiuj ili devas esti, ĉiam, kiam tio estas ebla, entuziasmaj, fervoraj, kleraj kaj laboremaj

pioniroj kaj ne personoj, kiuj nure deziras aparteni al komitato pro malsaĝa fiereco aŭ pro aliaj motivoj. Se komitato de Asocio aŭ Grupo konsistas el personoj, kiuj ne amas Esperanton aŭ ili ne estas fervoraj esperantistoj, oni povas certigi ke la societo de ili regata ne progresos kaj ĝi restos senfruktodona. Kiom da esperantistaj organizaĵoj ekzistas, kiuj pro la agado de la membroj de ilia direktanta komitato vivas kaj subtenas nian movadon! Kontraŭe, kiom da ili mortis pro kulpo de la nezorgeco kaj sentaŭgeco de tiuj, kiuj regis ilin! Estas do necesege ke kiam oni devas elekti membrojn de direktanta komitato de ia el niaj societoj, tion oni devas saĝe pripensi, ĉar laŭ la fervoro kaj karaktero de la komitatanoj la rezultato de ilia regado estos utila aŭ ne por la disvastiĝo de nia internacia lingvo. Elekti fervoran komitaton estas afero ne ĉiam facile farebla precipe en la urboj, kie estas malmultaj geesperantistoj, kio ne okazas en la ĉefurboj enhavantaj grandan nombron da disciploj de D-ro L. L. Zamenhof; tamen oni devas peni ĉiuokaze elekti el ĉiuj samideanoj la plej fervorajn kaj taŭgajn por ilia ofico aŭ posteno.

Estas dezirinde por vigligi nian movadon, ke niaj gesamideanoj kunfratiĝu plej ofte kiel eble; tial mi tutkore aplaŭdas la decidon kaj kutimon de «Kataluna Esperantista Federacio», kiu ĉiujare okazigas regionan kongreson en malsama urbo el Katalunujo, internaciajn florajn ludojn, k. t. p. Tiuj kunvenoj estas tre oportunaj por ke ni konu unu la alian kaj tiel ni amikiĝu nin reciproke interŝanĝante niajn pensojn kaj ideojn pri nia internacia progresa kaj pacigema entrepreno. Kaj ne estos nure la kongresoj de K. E. F. tiuj, kiuj havigos okazon por ke ni kunfratiĝu; aliaj hispanaj federacioj esperantistaj ankaŭ intencas okazigi kongresojn en siaj regionoj. La Universalaj Kongresoj de Esperanto, kiam ili okazis, estis efika rimedo por la subtenado de nia internacia movado malgraŭ ke la aferoj de ili celitaj estas pli internaciaj ol tiuj, kiujn traktas la regionaj kongresoj de niaj federacioj, kies kunvenoj estas, oni povas diri, pli familiaj kaj amikaj nehavantaj la tutmondan gravecon kaj la oficialan solenecon de la internaciaj.

Jen estas, samideanaj legantoj, mia opinio pri la maniero progresigi nian karan Esperanton kaj disvastigi nian internacian movadon. Antaŭen, do, kuraĝaj pioniroj, propagandu ĉiam, ĉie kaj ĉiel nian helpan lingvon kvankam tio nur estu por honori nian senmortan Majstron.

*Narciso Bofill*

---

# Apoteozo pri la azeno

Ĉu estas eble, ke la azeno estu tiel kalumniata, kaj ke ĝian nomon citu kvazaŭ ofendo? Kiaj maljustaĵo kaj nedankemo!

La lakto de azenino, tre sana kaj digestebla, enhavas multe da sukero, butero kaj aliaj nutrantaj substancoj. Dank' al ĉi tiu lakto, *Francisco I.*[a] de Francujo longedaŭrigis sian vivon spite terura kaj malrapida febro, kiu iom post iom mortigis lin. Ĉi tiu reĝo venigis el Konstantinopolo judan kuraciston, la plej lerta dum tiu epoko laŭ la famo, kiu rekomendis al la reĝo, kiel kuracilon, la lakton de azenino. De tiam ĝia uzado por malfortaj personoj ĝeneraliĝis.

La azeno nur havas tiujn malbonaĵojn, kiujn la homo al ĝi atribuas; se oni dresus ĝin same, kiel oni dresas ĉevalon, oni ne povus riproĉi ĝian mallertecon... Sed ĉiam kaj senĉese martirigata, malbone kaj nesufiĉe nutrata, lacigata de troa ŝarĝo de tre juna, estas nature, ke ĝi estu tiel ruinigata kiel oni rimarkas en Eŭropo.

En Kairo rajdas sur azenoj la riĉuloj, kaj la *cirkasianinoj* ĝin preferas pli, ol plibonajn ĉevalojn. Ĝi ne estas malpli rapidmova, ol dromedaro, kvankam ĉi tiuj lastaj havas pli longajn krurojn. En *Malta* kaj *Çerdeña*, ĝi atingas belecon, kiun envius multaj ĉevaloj, se ĉi tiuj povus senti envion.

En insulo *Madera* oni konsideras korpon de azeno kiel plej honoran rifuĝejon, kien

alkuras animoj de la herooj mortintaj pro defendo de la patrujo.

La azeno, libera en la kamparo, ĉiam prezentas la voston kontraŭ la vento; tial, rimarkinte tion, egiptoj, de la plej antikvaj tempoj, simboligis la venton per azeno. Multaj antikvaj gentoj tion rimarkis ankaŭ.

La nomo onomatopeika (1) de la azeno estas *Hia*, kaj ĝiaj ĉefaj nomoj mistikaj estas *Az* aŭ *As* kaj *Bor*. *Az* aŭ *As* estas elemento de la vorto gaskona *hace*, kiu ankoraŭ signifas *azeno;* de la hispana *asno* (azeno); de la latina *asinus* (azeno), de la egipta *azn* aŭ *azen*, kiu je la komenco signifis junan azenon, poste per ĝi oni nomis la orelojn, eble pro la longeco de tiuj de la azeno, kaj ankaŭ la keltoj per ĝi nomis ĉian ajn beston kun grandaj oreloj, kiel la azeno kaj la leporo, kiu ankoraŭ konservas la nomon *hase* germane.

La radikon *Bor* oni trovas ĉe la greka vorto *Boreas* (norda vento), kaj ĉe la egipta *Bor* (nomo de la azeno dum primitivaj tempoj, kaj vorto, kiu, poste, signifis malsprita); plie, la unua silabo de la hispanaj vortoj *borrasca* (ventego) kaj *borrica* (azenino) estas ankaŭ la radiko *bor*.

La azeno, simbolo de la vento, ankaŭ estis tiu de la spiro *(spiritus)*, kaj tial de la vivo ĉe la egiptoj.

Speciale la azenido simboligis la vivon ĉe la egiptaj hieroglifoj, kaj tial estis facile traduki hieroglifan skribaĵon de urno ĉe la *Villo-Albani*, sur kiu oni rimarkas azenon kaj sonorileton: kiel la azeno simboligas la vivon, kaj la sonorileto la rememoron, la hieroglifo signifos *rememoron de la vivo*, kaj ĉi tion atestas greka traduko gravurita sube.

Per la simbolismo de la azeno oni povas klarigi blazonŝildon de *Bourges* (Francujo). Ĝi reprezentas azenon, sidanta sur apogseĝo. La urbo, ĉirkauita de riveroj kaj marĉoj, nur estis atakebla de sudokcidento, kaj por fari ĝin nealmilitebla, *Filipo Aŭgusto*, je 1190, ordonis starigi sur tiu flanko masivajn remparojn kaj fortikaĵojn kun tre alta, masiva kaj forta turo, la turo de *Berry*. Post kiam oni finis konstrui la fortikaĵojn, la urbanoj, jam tute trankvilaj, decidis simboligi sian senriskon per azeno (emblemo de la vivo) sidanta sur apogseĝo (emblemo de la ripozo).

Iuj opinias ke la azeno estis abomeninda ĉe la egiptoj, sed ili ne estas pravaj, ĉar eĉ per ĝi reprezentis materie Dion. *Tácito* opinias, ke la judoj respektegis la azenon, tial ke azeno eltrovis fonton kiam tiuj vagadis tra la dezerto, kaj same opinias *Plutarco*.

Ĉe la sanktejo de *Tebas*, ĝi estis simbolo pri la dieco, kaj oni nomis ĝin *Alhiboruin*, kaj lian filon *Azan*. Laŭ la lingvo sankta *Alhiboruin* signifas: *Al-grandan*, *Hi-Dion*, *Bor-spiron*, *Uin principon*, t. e., *Dio'n povega'n principo'n de la vivo;* kaj *Azan*, laŭ la sama lingvo, *filo'n de Dio*. *Alhiboruin* degeneris poste je *Aliboron*, unu el groteskaj nomoj de la azeno. La radiko *uin*, signifanta *principon*, ankaŭ donas ideon pri Dio, kiel fundamento de ĉio, kaj tial la unuo reprezentis la diecon dum tempoj de *Pitágoras*. La grafika signo de la unuo, la cifero *1*, same kiel la litero *i*, devenas de la materia reprezentataĵo pri la dieco, t. e., de la *menhir* kelta. La azeno simbolo pri Dio, nomigis la unuon, kiu ankaŭ reprezentas la *Ĉiopovulo'n;* aliparte, tial ke ĝi ankaŭ estis simbolo pri la vivo, ĝi ĉiam akompanis *Priapo'n*, ĉar ĝi estis la plej agrabla oferotaĵo por li, tial ke oni scias, ke oni oferis al la Dioj iliajn proprajn simbolojn; tial taŭron, simbolo pri la akvo, al *Neptuno;* ŝafon, simbolo pri aŭtoritateco, al *Jupitero;* porkon, simbolo pri terkulturo, al diino *Ceres;* azenon al *Marte*, Dio de la milito, laŭ la sama senco mistika, kia je aliaj egiptaj alegorioj.

La azeno, ĉe la hieroglifoj, kiel simbolo pri la vivo, kaŭzis komplikaĵojn, kaj oni decidis simboligi la vivon nur per tiuj franĝoj, kiujn havas la felo de la azeno laŭlonge la vertebra kolono kaj la homoplatoj, franĝoj pli malklaraj ol cetero de la felo. Se oni estus simboliginta la vivon per ĝiaj oreloj, kiel ankaŭ oni proponis, oni estus kaŭzinta

---

(1) *Onomatopéyico* hispane, *onomatopéique* france.

ankaŭ komplikaĵon, ĉar tiam oni devus esti akceptinta tiujn de la leporo, pli longaj proporcie ol tiuj de la azeno, sed kiel tiuj de la leporo estis simbolo de la aŭdo, jen la komplikaĵo. La orelo, simbolo de la aŭdo, reprezentas hieroglife la leporon. La kruco, kiun formas la franĝoj de la azeno, reprezentas la solan ideon pri la vivo, kiel ankaŭ oni rimarkas sur obeliskoj de la primitivaj epokoj.

Same kiel la bildo de la azeno simboligis la diecon, kiu estas la origino de la vivo; la kruco, kvazaŭ mallongigaĵo pri la azeno, ankaŭ simboligis Dion; kaj aspido, mordanta sian korpekstremon, sur kruco, simboligis la senmortecon.

La egiptoj nomis *Typhon (malbona principo)* ĉiajn malfeliĉegojn, kiuj ruinigis la landon, kaj kiel el ĉiaj malfeliĉegoj la plej teruraj estis periodaj ventoj sudaj kaj orientaj, kiuj portis putrajn ellasojn kaj sufokantan varmon, kiuj mortigadis terurege, ankaŭ nomis *Typhon* ĉi tiujn ventojn, kaj ankoraŭ tiel oni nomas precizajn uraganojn. Sed tial ke la azenino simboligis ĝenerale la ventojn, ankaŭ ĝi simboligis ĉare la malbonan principon, *Typhon'n;* kaj tial ke la ventoj sudaj kaj orientaj estis terure sufokantaj kvazaŭ fajro, la egiptoj atentis pentri ruĝe azeninon kiam per ĝi simboligis *Typhon'n;* pro ĉi tio, la grekoj kredis, ke la egiptoj oferis siajn ruĝajn azenojn al *Typhon.*

La egipta mitologio priskribas, ke reĝino de Etiopiujo, la reĝino *Aso* kuniĝis kun *Typhon (la malbona principo)* por ataki *Osiris'n* (la *superakviĝo). Aso*, laŭ la sankta lingvo, signifas la sudan venton antaŭenpuŝantan la nubojn al Egiptujo, kiuj tial ne povas amasiĝi super la montaroj trans la tropiko, kaj kiel la pluvo devenanta de ĉi tiuj nuboj nutras la Nilon kiam ili amasiĝas super tiuj montaroj, tiu vento povas kaŭzi teruran sekecon por Egiptujo, malgrandan superakviĝon, kaj tial la mizeron kiun oni atribuis al *la malbona principo.*

La sekeco en Egiptujo, kie malofte pluvas, estas konsekvenco pro malgranda elbordiĝo de la Nilo, kaj ne pro manko de okazaj pluvoj, kiuj nur malsekigas supraĵe la teron. La suda vento, kiuj antaŭenpuŝas al Egiptujo la nubojn, kaŭzas en tiu lando pluvojn kaj ĉielarkojn; sed kiel ĉi tiu vento fortrenas de super la montaroj trans la tropiko tiujn nubojn. kiuj tial ne amasiĝas kaj nutras la sanktan riveron, la egiptoj konsideras ĉielarkojn kiel aŭgurojn pri ruino pro malsekeco.

Laŭ la citita mitologio, la sepdekdu konspirantoj, kiuj kuniĝis kun *Typhon* por ataki *Osiris'n*, estis la ventoj venantaj de la sepdekdu partoj el la tero, laŭ la egiptoj dividis ĝin.

Same, kiel la sudaj kaj okcidentaj ventoj terurigis la egiptojn, ankaŭ la hieroglifa azenino ruĝa, kaj ankaŭ la azeninoj kies dikhararo estis iomete ruĝa. Saman teruron kaŭzis al egiptoj la simbolo de la malbona principo, kiu estis viro kun ruĝa hararo, vomanta flamojn kaj ĉirkaŭata de aspidoj, kiuj simboligis la morton. Tiam kaj tial malfeliĉuloj kun ruĝaj hararoj estis kvazaŭ ĉiamkondamnitoj. Fanatikuloj buĉis ruĝajn azenojn kaj azeninojn kaj por ili estis meritinda ago ofendi eĉ dolori kiel eble plej senkompate blondulojn. En *Yalithga* oni kondamnis blondulojn esti bruligotaj dumvive, kaj oni nomis ilin *typhoniano'j*, oni kribis iliajn cindrojn kaj ĉi tiujn oni ĵetis al la vento poste, por kvietigi koleron de *la malbona principo.*

La loĝantoj de *Coptos, Busiris. Abgdas* kaj *Licópolis*, la plej barbaraj kaj fanatikaj el Egiptujo estis tiel supersticiemaj, ke ili ne bolis aŭdi sonoron de trumpeto ĉar por ili estis kvazaŭ azenbleko.

Tamen, en *Memphis*, la azenino, simbolo pri la vento, estis bone konsiderata en la misteroj kaj kulto de *Phtha.* Nur azenino meritis surporti statuon de ĉi tiu dio dum liaj du festoj; sur azeninoj rajdis ordinare diaj virgulinoj, kiuj gardis kaj konservis eternan fajron; kaj kvazaŭ la dio venus al la mondo, kondukata de la vento, ĝia simbolo, la azenino, kondukis lin al la sanktejoj.

*Florus Apolo* opinias, ke la azeno repre-



TOMBO DE LA REĜIDO DON JUAN II, FILO DE LA KATOLIKAJ REĜOJ
(PREĜEJO SANTO TOMAS)

zentas nesciulon ĉe la egiptoj, homon neniam studinta historion kaj vizitinta alian landon. Ĉi tion povis akcepti grekoj el *Aleĵandria*; sed, estas certe, ke sciuloj el *Memphis* kaj *Tebas* tion ne akceptis. Kiel oni povas supozi, ke pastroj, kiuj laŭ leĝa altrudo ne povis forlasi patrolandon kaj kiuj malamis fremdulojn, estis reprezentintaj per azeno homojn, kiuj pensis kaj sentis same kiel ili? Ankoraŭ pli, la hieroglifa mallongigaĵo de la azeno estis por la pastroj egiptaj talismano, kiu forigis *la malbonan principon*, forkurigis fantomojn kaj evitis ĉiajn danĝerojn. Ili stampis sur siajn panojn sanktajn bildon de la azeno, kaj ĉi tion ne estus farintaj tiuj fanatikaj pastroj se la azeno estus simboliginta *nesciecon* kaj *mallertecon*, tion ili ne estus farintaj sur la pano sen acidaĵo kiun ili ne kuraĝis tuŝi per feraĵo kaj el kiu ili nur manĝis post granda fasto kaj oftaj mempurigoj.

Resume: hieroglifa azeno signifas vivon; ĝenerale ankaŭ, Dion. Ĉu ne estas, do, fundamento por plej honori la humilan beston?

*J. M. R.*

# La bestoj ne parolas

Ĉu la bestoj ne estas inteligentaj? Ĉu ili ne havas hemojn kaj amojn? Certe jes; estas bestoj (la hundoj, ekzemple) kiuj havas moralajn emojn superaj al tiuj de la homoj. Kiu ne aŭdis ofte paroli laŭde pri la fideleco de la hundo? pri ĝia amo al la mastro? Kiu ne aŭdis rakonti pri hundo kiu ĵetis sin en lagon, riveron aŭ maron kaj savis infanon, ofte de ĝi nekonata? Certe la homa inteligento superas tiun de la bestoj, sed ne por ĉiuj aferoj; por iaj aferoj kelkaj bestoj estas pli inteligentaj ol ni.

Oni povus verki dikan volumon pri la moralaj emoj de la hundoj; dikan libron oni povus verki pri la socialaj virtoj de formikoj, abeloj k. a. Tamen la homo superas ĉiun vivan estaĵon kaj potencregas la Mondon. Kial? Nur pro tio ke li parolas.

Per la parolo la homoj donas unu al alia, sperton kaj sciojn kaj tial la homa inteligento kreskis mirinde kaj la homa progreso antaŭeniras. La parolo, do, diferencigas la homon de la besto. Sed ĉu tiu ĉi diferenciga eco estas absoluta? Ne. Kio estas paroli? Fari buŝajn kaj gorĝajn sonojn kiuj esprimas ideojn kaj kiuj povas esti komprenataj de aliaj homoj. Kaj nun tio okazas nun rilate, sed ne absolute. Multaj lingvoj estas por multaj homoj tute same kiel por la bestoj; t. e. sonoj tute ne kompreneblaj.

Ĉar tiel mirinde la homo progresis pro tio ke grandaj aroj da homoj parolas la saman lingvon, imagu al vi kiel grandega kaj rapidega la progresado estos kiam ĉiuj homoj komprenos ĉiujn homojn. Sed kiam okazos tio? Kiam ni esperantistoj fervore kaj senĉese laborante konvinkos la aliajn kaj trudos la uzadon de Esperanto kiel internacian lingvon. Tiam la homoj diferenciĝos multe pli de la bestoj kaj estos multe pli superaj.

*R. de S. M.*

# Avila santos y cantos [1]

*(Ĉe* **Avila** *sanktuloj kaj ŝtonoj)*

*Avila* estis lulilo de multaj sanktuloj kaj Sankta *Segundo*, disciplo de la Apostoloj, estis la sola, el la sep senditoj al nia patrujo, kiu preteriris la belan kaj fruktodonan *Betica*' (Andaluzio) kaj montaron *Marianica*, por prediki la evangelion ĉe la centro de la preskaŭinsulo, kaj elektis *Avila'n* kiel sidejon.

Ankaŭ ripozas en ĉi tiu urbo la restaĵoj de sanktuloj el aliaj landoj. Dum la plej terura epoko de la persekutado de *Daciano*, alvenis al la pordoj de *Avila*, kristana knabo, nomata *Vicente*, knabo forkuranta el Ebora, oni ne scias ĉu de Portugalujo aŭ de *Talavera*, kiu tiam havis nomon simila je tiu. Akompanis tiun knabon liaj du fratinetoj, infaninoj, *Sabina* kaj *Cristeta*, kiuj helpis lin efike eliri el la karcero, kien oni enigis lin tial ke li ne volis adori la romajn diojn.

(1) Elparolu *Kantos*.

Ĵus alvenintaj al la pordoj de *Avila*, oni konis ilin, kaj kruele marterigataj; nek bastonfrapoj, nek plej kruelaj turmentoj, haltigis iliajn preĝojn kristanajn, kaj fine oni pistis iliajn kapojn kaj distranĉis iliajn korpojn. Sur la pavimo de la martirejo restis la restaĵoj. Tiam, la legendo diras, eliris el proksima kavaĵo grandega serpento, kiu de antaŭ longe terurigis Avilanojn, kaj tiu serpento defendis la benitajn restaĵojn kontraŭ la malrespektego de la nekristanoj kaj kontraŭ la rababirdoj. Judo ekatencis la sanktajn restaĵojn kaj la serpento kaptis lin kaj estus sufokinta lin se la judo ne estus alvokinta Jesuon kaj promesinta kristaniĝi. La serpento lin liberigis, kaj li tuj plenumis sian promeson, kaj, tial ke li estis tre riĉa, li ordonis starigi preĝejon sur la martirejo mem kaj honore entombigis la gemartirojn.

La dua parto de la titolo de ĉi tiu artikoleto, *cantos (kantos)*, rilatas la rokoj, kiuj estas abundaj ĉie; la titolo estas kvazaŭ proverbo.

# Mortigantaj floroj

Kvankam malmultaj, estas iuj floroj kies odoro estas mortiganta.

Inter ili oni devas citi unue la florojn de planto, nomata *Kali-Mujah*, kaj ankaŭ vegetaro *de la morto*, ĝi kreksas en la insuloj *Java* kaj *Sumatra*. Ĝia floro odoras tiel forte ke se oni flarus ĝian odoron dum malmulte da tempo, kvaknam la flaranto estus forta, oni senkonsciiĝus eĉ iam morto okazus.

Rilate la insektoj facile estas kompreni ke ĉiuj, kiuj alproksimiĝas al ĉi tiu planto, mortas preskaŭ subite. Pro ĝia efikaĵo, ĝi estas iom simila je la kloroformo, ĉar ĝi kaŭzas sensentecon kaj konvulsiojn de la muskoloj de la vizaĝo kaj precipe de tiuj de la buŝo kaj okuloj.

Insektoj kaj birdoj forkuras el ĉi tiu planto; sed iam hazarde kiu alproksimiĝas al ĝi, kvankam nur je kvar metroj, subite mortas.

# Eksterlanda movado

GAZETOJ RICEVITAJ

*France-Esperanto* (Julio-Aŭgusto); enhavas gravan artikolon, france, pri komuna lingvo kaj akcepto de Esperanto, tial ke nia kara lingvo solvas ĉiajn problemojn; PETSKRIBO'N AL RUSA POPOLO por decidi oficialan instruadon de Lingvo Internacia Esperanto en publikaj lernejoj de Rusujo; raportetojn de ĵurnaloj el diversaj nacioj pri nia kara Majstro; enlandan kaj eksterlandan kronikon.

*Japana-Esperantisto* (Aŭgusto). Surĝia nuna paĝo aperas portreto de nia kara Majstro, pentrita de S-ro. K. Ossaka. Ĝi enhavas «Kiel Memorigi la Gloron de la Majstro», «La Vivo de D-ro. Zamenhof», japane verkita; «Vortoj de D-ro. Zamenhof, japane-esperante kaj enlandan kronikon.

*Esperanto Monthly* (Septembro kaj Oktobro), enhavas «Alvoko de kelkaj britaj amikoj de Rusujo pri la enkonduko de Esperanto en la lernejoj de Rusujo», belan poezion de *Clarence Bicknell*, kaj «Komprenigilo por Soldatoj Britaj, Usonaj, Francaj, kaj Belgaj», angle, france, esperante verkita.

*La Holanda Pioniro* (Septembro) enhavas literaturaĵon, «Esperantista Bicikla Ekskurso», enlandan kronikon, kaj raporton pri federacia kunveno en Amsterdam.

*La Esperantisto* (Argentina Respublico). (Septembro), parolas pri neceso de nacia kongreso esperantista.

*The British Esperantist* (Septembro) raportas pri lastaj tagoj de D-ro. Zamenhof, kaj publikigas «Himno de Danko», vortoj kaj muziko de Harrison Hill.

# Zamenhofa Federacio

**Listo de Protektantaj Zamenhofanoj**

148.—S-ro. Bernardo Trincado. *Puentecaldelas* (Pontevedra).

149.—Grupo Verda Stelo. General Zabala, 14 *Madrid*.

150.—Grupo Barcelona Stelo. Marqués del Duero, 88. *Barcelona.*

151.—F-ino. Anita Vilaró. Bretón de los Herreros, 18.

152.—Carmen Chavarría. San Pedro, 7. *Gavá* (Barcelona).

153.—S-ro. Juan Canales. Santos de Isasa, número 21. *Montoro* (Córdoba).

154.—José Alsina, Militmaristo. *Cartagena.*

155.—Nestor Alvarez. Mendizábal, 56. *Madrid.*

156.—José Quijano. Lavapiés, 46 y 48.

157.—Juan Comadrán. Casanovas, 21. *Sabadell* (Barcelona).

158.—Grupo de Sevilla (5 kotizaĵojn). *Sevilla.*

159.—Rogelio Luque. Morería, 11. *Córdoba.*

160.—Dominico Tirado. Universidad, 3. *Zaragoza.*

161.—F-ino. Dolores Bosch. Julián Romea, núm. 17. *Barcelona.*

162.—S-ro. Pedro Naranjo. Avenida Reina Victoria, 31. *Jerez.*

## LISTO DE PROTEKTANTOJ

8.—Grupo «Paco kaj Amo». Asturias, 1. *Barcelona.*

## LISTO DE ZAMENHOFANOJ

30.—S-ro. Julio Gómez. Oviedo, 8. *Río Tinto.* (Huelva).

31.—Pascual Morató. San Francisco, 127. *Liria* (Valencia).

*(Daŭrigota).*

## Delegitoj de Zamenhofa Federacio

S-ro. Narciso Bofill. Sindicato (Ensanche), núm. 188. *Palma de Mallorca* (Baleares).

~~S-ro. Manuel Benavente. Sociedad, 14.~~ *Murcia.*

S-ro. Fernando Pastor. San Cristóbal C, 8. *Cartagena* (Murcia).

S-ro. Francisco Piñol. Amalia, 16, 2.°. *Barcelona.*

S-ro. Juan Compte. Lazareto, 32, (Por la Grupo «Nova Sento»). *Barcelona.*

S-ro. Víctor Gómez. Trueba, 3. *La Arboleda* (Vizcaya).

S-ro. Juan Calahorra. López de Hoyos, 3, (Por la Grupo «Verda Stelo»). *Madrid.*

S-ro. Francisco Serrano Olmo. G. de los Ríos, 40. *Córdoba.*

S-ro. Trinidad Soriano. Espíritu Santo, 21. *Sevilla.*

S-ro. Francisco Guitart Jené. Placo de l'Doctor Murillo, 7. *Vendrell* (Tarragona).

S-ro. Juan Fombellida. Poŝta Admistranto. *Baltanás* (Palencia).

S-ro. Juan Comadrán. Casanovas, 21. *Sabadell* (Barcelona).

---

Estas granda malfeliĉo ne esti amata kiam oni amas; sed ankoraŭ estas pli granda malfeliĉo esti amata kiam jam oni ne amas.



La homo kredas facile tion kion ĝi timas aŭ deziras.

---




Jen tri ridigistoj. Ĉiu el ili montras ciferon, pentrita sur la kostumo bruste kaj dorse. Metu la ridigistojn tiel ke vi formu nombron divideblan je sep.

---

Oni akceptas mondonacojn por starigi monumenton al nia kara Majstro. Minimuma memvola kotizaĵo UNU spesmilo (2½ pesetojn).

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid